# La Bulteneto

Numero 1



## Vaflofabriko hejtas tutan kvartalon

Bakforno produktas multe da varmo. La varmenergio venas en la atmosferon kaj malaperas en la kosmo. Tio estas malŝparo de energio kaj mono. Sed ekzistas alternativo.




Mondvaste konataj estas la vafloj de la firmao MANNER kun la sidejo en la 17a distrikto de Vieno. Tiuj bongustaĵoj estas farĉitaj per avelokremo: Kvin maldikaj vaflo-tavoloj, inter ili kvar avelo-kakao-krem-tavoloj. Dimensioj 49 × 17 × 17 milimetroj; dek vafloj en unu pako. Produktado unu miliono da pakoj en ĉiu tago, ankaŭ sabate kaj dimanĉe. Produktado 24 horoj en la tago. Fondo de la firmao jam en la jaro 1890. En tiu tempo la aveloj venis el la itala urbo Napolo, tial la nomo Napolaj Vafloj. La Manner-fabriko, en kiu laboras aktuale 400 homoj, estas protektata kiel arkitektura monumento.

En la kadro de renovigado oni cerbumis pri la ekonomia uzo de la eliga varmo. La povumo estas unu megavato, tio sufiĉas por varmigi mil platojn de elektra forno. MANNER faris kontrakton kun Wien-Energie (Viena Energio), energikonzerno de la urbo Vieno: MANNER vendas la varmon en la formo de varmakvo por hejti 600 loĝejojn en la proksimeco. Por la instalado de la 3,5 km longaj tuboj MANNER pagas 80 mil eŭrojn, Wien-Energie pagas 320 mil eŭrojn. La aŭstria ŝtato importas nun malpli da multekostaj fosiliaj energiportantoj kaj MANNER ricevas monon por la varmo. Jen profito por ambaŭ! MANNER reklamas per la slogano „Ĝuste Manner oni ŝatas.“ Nun oni povus diri: „Ĝuste la varmon de la bakfornoj de Manner oni volonte uzas.“



## Fascina hobio: Kolekti monerojn de la romianoj

Dum kvin jarcentoj la regiono de la nuna Aŭstrio estis parto de la Romia Regno. Ĉirkaŭ la jaro 16 antaŭ nia erao la tiama regnolando Noricum [nórikum] aliĝis al la Romia Regno. Dum la kvina jarcento la romia loĝantaro iom post iom retiriĝis kaj ĝermanaj triboj anstataŭigis ĝin. Nemirinde, ke hodiaŭ oni ofte trovas romiajn monerojn: Ĉu hazarde, ĉu dum scienca elfosado fare de arkeologoj.

Kelkaj romiaj imperatoroj regis nur kelkajn monatojn. Gardistoj aŭ legianoj murdis ilin. Tamen ankaŭ tiuj ŝtatestroj kaj ties edzinoj kaj infanoj aperas sur moneroj, kiuj estis ne nur pagiloj, sed ankaŭ propagandiloj kaj informiloj. Imperatoro iĝis plej ofte Cezaro kaj Aŭgusto – legebla sur la moneroj. Post la morto li iĝis dio aŭ oni kondamnis lin kaj nuligis lian nomon ĉie. Se aperas romiaj ciferoj sur la monero, ekzemple VIII por 8, oni povas ekzakte scii, en kiu jaro oni pregis la moneron. Okulfrapajn konstruaĵojn oni vidas sur la moneroj: Templojn, pontojn, teatrojn. Ĉirkaŭ la jaro 100 de nia erao Traiano konstruis straton de Benevento al Brindisi (hodiaŭ en Italio). Sur arĝenta denarius-monero aperas la surskribo Via

Traiana kaj sidanta virino, kiu simbolas tiun straton. Ŝi tenas radon kaj branĉon. Aliflanke oni vidas la imperatoron kaj aŭguston Traiano.

Antaŭ 2000 jaroj ne ekzistis pregomaŝinoj. Oni pregis per la mano: Unu persono metis metaldisketon el oro, arĝento aŭ alia materialo sur la substampilon, en kiu estis gravurita la portreto de la imperiestro. Dua persono tenis la supran stampilon per pinĉilo kaj tria per martelbato pregis la moneron (vidu la bildon 3). Sur la supra flanko de la monero videblas ofte diino kun iu objekto en la mano, aŭ la imperiestro parolante antaŭ soldatoj, aŭ iu konstruaĵo. Multaj skipoj laboris senĉese kaj produktis milionojn da moneroj en unu jaro. Tial la prezo de bone konservita romia monero estas ofte nur 30 aŭ 50 €. Per unu stampilo oni pregis inter 1000 kaj dek mil monerojn, poste oni devis produkti novan stampilon. Ekzistas almenaŭ 100 mil diversaj tipoj. Pro la manlaboro ĉiu monero havas sian individuan aspekton.

Sub la regado de Traianus la Romia Imperio atingis sian rekordan grandecon. Ekde la 2a jarcento de nia erao romianoj ne plu povis ekspluati aliajn popolojn. Baldaŭ mankis oro kaj arĝento. La oraj moneroj konsistis daŭre el preskaŭ pura oro, sed la denaroj enhavis ĉiam malpli da arĝento. Sekvis inflacio. En la tria jarcento la romia ŝtato produktis kuprajn monerojn kun ekstere maldika tavolo el arĝento por trompi la popolon. Se oni ofte tuŝis kaj tenis la moneron per la mano, la arĝento malaperis.

En Vieno estas facile aĉeti romiajn monerojn. Ekzemple la 2an kaj 3an de decembro 2016 okazis la foiro Numiphil [númifil] en la tria distrikto, kie 80 firmaoj ofertis poŝtmarkojn kaj monerojn. Ankaŭ la renoma aŭkciejo Dorotheum okazigas ĉiujare du aŭkciojn por moneroj. Brilpunkto de aŭkcio en novembro 2016 estis monero kun la portreto de Julio Cezaro (li murdiĝis en la jaro 44 antaŭ nia erao), kiu kostis 22 mil eŭrojn.



**1:** Romia bronza monero AS el la 3a jarcento antaŭ nia erao. Ĝi montras la antaŭan parton de ŝipo. Diametro 36 mm. **2:** La alia flanko de la sama monero montras la dukapan dion IANUS.
**3:** Tiel romianoj pregis monerojn triope. **4:** Foiro Numiphil en Vieno.




**5:** La romia imperiestro Traianus regis de 98 ĝis 117 de nia erao. Bronza monero AS, diametro 28 mm. **6:** Sur la alia flanko de la sama monero la diino de la venko tenas ŝildon kun la literoj SPQR. Tio signifas: La senato kaj la romia popolo. **7:** Traianus konstruis straton “Via Traiana”. Alegorio de tiu strato tenas radon. Arĝenta monero Denarius, diametro 19 mm. **8:** Imperiestro Probus regis de 276 ĝis 282. Laŭ la legendo li enkondukis la vinon en la regionon, kiu estas nun Aŭstrio.

~~~

La Bulteneto. Jaro 2017. Numero 1. Autoroj: Walter kaj Renate Klag. Redaktejo: 1190 Wien, Rudolfinergasse 8/11, esperanto@chello.at.
~~~